# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

## EL FERROL



PLACO DE HISPANUJO

N.º 215 - Mayo–Junio 1976

## BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

**Directora:** Doña Carmen Payá Mira
**Dirección y Administración:** Oficina Central - Rodríguez San Pedro, n° 13, 3° n° 7 - Telf. (91) 446 80 79 – MADRID-15.
**Redactor Jefe:** Don Salvador Aragay Galbany - Bassegoda, 40 Telf. (93) 240 14 28 – BARCELONA-14.
**Comité Provisional de Redacción:** D. Liberto Puig, D. Giordano Moya, D. Vicente Hernández, D. Gabriel Mora Arana, D. Pedro Nuez, D. Luis Izaguirre, D. Rafael Herrero y D. Juan Devís.

## ADRESOJ

**HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Centra Oficejo:**
Srt. Rodríguez San Pedro, 13 – 3°, 7
Teléfono (91) 446 80 79
MADRID-15

**Prezidanto:**
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19 – 7°
MADRID-16

**Sekretario:**
S-ro José Mª González Aboín
Centra Oficejo

**Kasisto:**
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2 – 8°
MADRID-20

H.E.F.–Ĉekkonto: N° 8.362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

**Libroservo de H.E.F.:**
S-ro Félix Gómez Martín
Centra Oficejo

**Informa-servo de H.E.F.:**
Centra Oficejo

**Eldona Fako:**
F-ino Inés Gastón Burillo
P° Marina Moreno, 35 – 4°
ZARAGOZA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankau ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la autoroj mem.

Se ruega a todos los asociados que aún no hayan satisfecho sus cuotas del corriente año 1976, remitan el importe de las mismas por giro postal directamente al Tesorero (Gerardo Flores, Avda. del Presidente Carmona, núm. 2, Madrid-20), o bien, a **nombre de la Federación Española de Esperanto**, por giro postal o transferencia bancaria, a la cuenta corriente núm. 8.362-271 en el Banco Español de Crédito (Diego de León, núm. 54, Madrid). Se insiste en que la cuenta está a nombre de la Federación, no del Tesorero. No conviene utilizar talones o cheques, por los elevados gastos que, en proporción, originan; pero, de utilizar este medio de pago, los talones deberán extenderse a nombre del Tesorero. Muchas gracias.

**Gerardo Flores, Kasisto de HEF**

# Dua premio Klara Silbernik

Sant Pau d'Ordal. 2 - 5 - 1976

Per du aŭtoĉaroj, el Sabadell kaj Barcelono, kaj multaj aŭtomobiloj, amaso da esperantistoj el diversaj urboj renkontiĝis en Sant Pau d'Ordal.

San Pau d'Ordal, sidejo de la Hispana Esperanto Muzeo, sub la patronado de nia ĉefdelegito de UEA s-ro Luís M. Hernández Yzal, estis la kunveneja urbeto. Unue ni vizitis la Muzeon kaj sekvis ĝenerala kunbabilado. Nur okaze de esperantaj festoj ni havas la okazon persone interrilatiĝi.

Em la aŭditorio de la loka "Centro Cultural", fraŭlino Marta Lladó malfermis la feston, kaj sekve, sro Luís M. Hernández Yzal prenis la parolon. Li diris, ke ni honoras esperantistan virinon pro ties sinoferemo en la kunlaborado kun sia esperantista edzo, en rememoro al la helpo de Klara Silbernik al sia edzo Zamenhof por la kreado kaj divastigado de Esperanto. "Ni faras tiun konstantan honoradon por ke la semo ne estu perdita. Pasintjare ni honoris s-inon Antonia Galbany de Criach, kiu antaŭ kelkaj semajnoj, bedaŭrinde, vidviniĝis."

Sekve, la Infana Grupo de Centro Esperanto Sabadell ludis kelkajn skeĉojn kun humora gracio.

F-ino Faustina Martínez prononcis la honoradon por la transdono de la medalo Klara Silbernik. Estis honorata s-ino. Marcelina Palomo de Figuerola, kiu ne povis alveni pro malsano de sia edzo. Marcelina Palomo havas ses filojn kaj ŝia edzo blinda estas nia Prezidanto de HEF. S-ro Figuerola organizis la dekokan Nacian Kongreson, ĉeestas la internaciajn kongresojn kaj daŭre kaj vigle laboras por nia lingvo.

Tial, ke s-ino Palomo ne povis ĉeesti la honoradon, s-ino Carmen Cánovas de Puig transdonos al ŝi la honoran medalon okaze de la baldŭa nacia kongreso de Esperanto.

Finita la honora parolado de f-ino Faustina Martínez, s-ro Llibert Puig prelegis pri la temo "Nova perspektivo de Esperanto".

Li diris, ke li ne alportas supozan miraklan sistemon por fulmrapide sukcesigi Esperanton, sed tiel same kiel en aliaj laboroj oni devas antaŭprepari la organiz-sistemon, ankaŭ por nia Esperanta-movado estas necese plani ĝin; kaj pro tio, ke la agado dependas de ni ĉiuj, ni eksponas: "Oni unue devas fortigi la lokajn grupojn kaj la gvidantoj kondutv demokratece kun flekseblaj rilatoj inter la estraro kaj ceteraj membroj.

Ne plu devas ekzisti diktatorecaj sistemoj nek personaj kultoj. Ni memoru la devizon: Ĉiam antaŭmetu la intereson de la movado super ĉies persona fiero.

La estraro permesu la kunlaboron de la ceteraj membroj. Ne plu fermitaj estraroj kun malvasta perspektivo, nek veteranaj gvidantoj ĝis la morto malebligante la empaŝon de junaj fortoj, kiuj intertempe tediĝas kaj forlasas la movadon. Tamen ni debas rekoni, ke la renovigo de gvidantoj nur estas ebla se la membroj de Grupo kunlaboras.

Ĉiu estraro akceptu ĉiujn oferojn kaj kunordigu ilin per la kreo de ĉiaj necesaj komisionoj. Car ĉiu estraro respondecas pri la estonteco de sia Grupo, tial ili devas antaŭvidi ties evoluon kaj neniam forgesi, ke ili maljuniĝos kaj forpasos, sed la Grupo devas ilin post-vivi. Por tion ebligi nepre kreu junularan kaj infanan grupojn kaj per ili vi certigos viajn heredontojn.

En la kadro de unu aŭ kelkaj publikaj paraladoj ne eblas prezenti la tutan organiz-skemon de nia movado kaj ties survojajn modifojn; estas necese do, ke la Grupoj interkunlaboru kaj per interŝanĝo de spertoj ilin evoluigu kaj tion ni povas fari nur je regiona nivelo, laŭ niaj nunaj cirkonstancoj. Jen kial kreiĝis nia nuna K. K. K. (Kataluna Kunordiga Komitato) kiel rezulto de tiu necesa kunlaboro jam pravigita unue per la kolektivaj ĉiujaraj renkontiĝos. La valencia regiono ankaŭ unuiĝas je la sama direkto kaj esperable ĉiuj ceteraj regionoj same agos iom post iom. Ni ĉiam estos pretaj informi kaj helpi ilin.

Tiu organiza sistemo nepre pligrandigos kaj plibonigos la enlandajn organizaĵojn, t. e., nia Federacio, kiu ekde sia nacia nivelo prestiĝe reprezentas la enlandan movadon antaŭ la naciaj aŭtoritatuloj kaj diskonigas per la informa servo tra la lando la antigitajn rezultojn je nacia kaj internacia niveloj. Kunfandiĝas en nia Federacio ĉiuj fortoj de la enlanda movado interligitaj per la nacia Bulteno kaj la ĉiujaraj Kongresoj. Kaj alveninte al la fino, mi volas konklude demandi vin, ĉar vi estas la veraj protagonistoj al kiuj celas mia parolado: Ĉu vi deziras sincere, ke en nia lando malfermiĝu nova perspektivo al nia movado? Ĉu vi estas pretaj kunlabori al ties realigo?.

Se jes, kunlaboru do senrezerve kun viaj lokaj Grupoj kaj kreu novajn tie, kie tiuj ne ekzistas. Kunlaboru en ĉiuj aranĝoj de la regiona movado kaj nepre aliĝu al nia Federacio kaj ne priokupiĝu pri laŭŝajnaj skismoj en nia movado; pli grava okazis kiam la Ido-Perfido kaj ĝi malsukcesis tre rapide ĉar iliaj iniciatintoj baziĝis sur klasa diskriminacio kaj privata egoismo. Nur per demokratia kaj sendiskriminacia sintenoj povas prosperi lingvo, kiu pretendas fariĝi tutmonda kaj Esperanto posedas ĉiujn necesajn ecojn por sukcesi.

La estonteco estos nia kondiĉe, ke ni laboru senlace, malgraŭ tio, ke ni forpasu survoje antaŭ ol atingi la celon. Iam Esperanto venkos kaj niaj posteuloj nin benos."

Post la prelego de s-ro Puig, la Junulara Trupo de Grupo Esperanto Sabadell kantis kelkajn kanzonojn en Esperanto kun akompano de gitaroj kaj entuziasmaj voĉoj de la ĉeestantaro. Kaj kiel fino de la festo, la Infana horo de la sama Grupo, sub la gvidado de f-ino Magdalena Clerch, kantis je du voĉoj kvar esperantajn kanzonojn. Mirige estis, ke geinfanoj ekde la kvina jaro kantis tiel serioze kaj akorde ja en nia lingvo Esperanto.



Finitaj la aranĝoj en Sant Pau d'Ordal, ni iris al la proksima urbo Vilafranca del Penedès. Tie ni vizitis la ĉampanan entreprenon "Cavas Raventós Catasús". Oni klarigis al ni trairante la longegajn profunde subterajn kelojn "cavas", la procezon de la formiĝo de la ŝaumanta vino, kaj ĉe la adiaŭo, ili regalis nin per gustumo.

Kaj per frateca kumanĝado, en restoracio de la sama urbo, finiĝis tiu dua jara honorado al kunlaboranta edzino de aganta esperantisto. Venontjare ni ĉeestu la trian en la kadro de San Pau d'Ordal, la sidejo de Hispana Esperanto-Muzeo.

G. Moya.

# SUBTENINDA INSTITUCIO

Kiu vizitis la Hispanan Esperanto-Muzeon en Sant Pau d'Ordal (Barcelono), tiun certe, tre favore impresis la grandnombra kaj tre varia materialo, kiun fakte posedas nia jam populara Esperantista arkivejo, fondita kaj administrata de Ludoviko Hernández Yzal, ĉefdelegito de UEA en Hispanujo.

Ĝia Konstruaĵo, kiun oni ekskluzive planis por Muzeo de Esperanto, okupas 250 kvadratajn metrojn, kaj ĝi havas, interalie, belan salonon por kursoj aŭ prelegoj, kaj vastan terason por festoj. Ĝi situas ĝuste en la strato D-ro Zamenhof, n-ro 16, de tiu pitoreska vilaĝo kataluna, kaj ĝiaj instalaĵoj estis oficiale inaŭgurataj en majo de 1974-a, okaze de la 26-a Internacia Esperanto-Kongreso Fervojista, kies diversnaciaj gepartoprenantoj kolektive ĝin vizitis en speciale enprogramita kongres-ekskurso.

La ĉefan enhavon de tiu hispana institucio, konsistigas, vere impona stoko da diverstemaj E-libroj, kies nombro estas proksimume 2.000 ekzempleroj, plus cirkaŭ 2.500 kompletaj, bele binditaj jarkolektoj da E-gazetoj, kun kromaj pli ol 1o.000 unuopaj numeroj diverstitolaj, daŭre klasifikataj ĝis definitiva integriĝo en la koncerna jarkolekto.

Ankaŭ estas aparte menciindaj la lerte aranĝitaj fakoj kun kongreslibroj, muraj afiŝoj, programoj, glumarkoj, religiaj bildoj, medaloj, moneroj, fotoj, poŝtkartoj —eĉ du manskribitaj de D-ro Zamenhof— poŝtmarkoj, ktp, ĉiuj presitaj en Esperanto, el tiuj distingiĝas pro sia reala oficialeco, bela mozaiko da turismaj broŝuroj el la tuta mondo, konsistanta el preskaŭ 700 ekzempleroj, kiuj respektive reklamas pri urboj, monumentoj, landoj, pejzaĝoj.....

Sed, kio precipe interesis la subskribinton dum oftaj vizitoj al la Muzeo, estis la historiaj dokumentoj de la Movado, el kiuj eble la plej gravaj estas la jenaj, kiujn mi signas per adjektivaj numeraloj, nome.

1-a: La manskribita traduko en Esperanton de la verko "La Rabisto", kiun Zamenhof mem prilaboris kaj poste sendis al la eldonejo "Hachette" por publikigo. Tiu verko aperis en "La Revuo" kaj ankaŭ en formo de libro.

2-a: La gramatiko per kiu la franca pioniro Teofilo Cart memlernis Esperanton, kaj lia unua letero adresita al D-ro Zamenhof, kiu ĝin poste resendis korektita al la fama fundamentisto, aŭtoro de la historia devizo: "Ni fosu nian sulkon", ekvivalenta al "Ni laboru restante fidelaj al senŝanĝa Fundamento de Esperanto".

3-a: Manuskripto de reeldonita, tre interesa scienca-fantazia verko lingvistika de Petro Stojan, dediĉita al la kataluna esperantista movado.

Krome, aliaj nepublikigitaj manuskriptoj troviĝas en la Muzeo, inter ili unu de la iama redaktoro de "Boletín", Ludoviko Hernández.

4-a: Kolekto da militaj informoj en Esperanto, kiujn la stabo de la germana armeo, dissendadis dum la unua tutmonda milito, de 1914-a al 1919-a.

5-a: La tuta materialo de la iama "Konkurso Comella-Bassols", kiun oni starigis memore al tiuj esperantistaj geedzoj el Vich (Barcelono).

6-a: Pluraj bustoj de D-ro Zamenhof, el kiuj elstaras tiu el marmoro kun 36 kilograma pezo, valora skulpta-

ĵo aparteninta al la iama Esperanto-Grupo de Barcelono "Nova Sento", kaj alia busto el silko, kiun oni speciale teksis en la "Industria Lernejo de Sabadell". Similan ekzempleron persone donacis al D-ro Zamenhof la Sabadell-aj esperantistoj, okaze de la 5-a Universala Kongreso de Esperanto en Barcelono, la jaron 1909.

7-a: Por fini, estu dirite, ke mi trarigardis kun granda sciemo la unuan gramatikon de Esperanto en kastilia lingvo, kiun verkis la hispana pioniro Rodríguez Huertas. Tiun libron oni eldonis en Málaga, la jaron 1890.

Jen, do, koncize, kion prezentas al la sciema publiko, tiu modela Esperanto-Institucio hispana, kies establon kaj daŭran funkciadon oni ja ŝuldas kiel dirite, al samideano Ludoviko Hernández Izal, pro ties abnegacia laboro de organizado. Tial, cele pligrandigi tiun lian laŭdindan entreprenon, kaj per tio pozitive kontribui al ĝia konstanta prestiĝigo, oni varme petas al gelegantoj de ĉi tiu raporto, ke ili laŭeble sendu siajn ne plu bezonatajn esperantaĵojn al la jena adreso: Hispana Muzeo de Esperanto, D-ro Zamenhof 16, Sant Pau d'Ordal (Barcelono) Hispanujo. En la espero, ke ĉi tiu alvoko estos objektive konsiderata, antaŭdankas kaj samideane vin salutas, nome de ĝia Direkcio.

V. Hernández Llusera



## *STATISTIKAJ MEDITOJ*

*La unua ekzemplero de "Boletin" ĉi-jara, laŭ nova aspekto kaj redakcio, alvenis al ĉiuj esperantistaj hejmoj kun sufiĉa sed pravigebla malfruo; ni esperas, ke la dua ekzemplero estos pli akurata kaj ni plene fidas ke post la tria, nia redakcio definitive aktualiĝos. Kune ni ricevis la adresaron, delonge atendatan, kaj ni ne povas eviti la tenton statistiki.*

*En la ĉi-suba listo vi trovos la konsiston de nia membraro laŭ regionoj, alfabete ordigitaj:*

| | | o/o enlanda |
|---|---|---|
| 1.– ANDALUCIA | 24 | 3'40 |
| 2.– ASTURIAS | 34 | 4'83 |
| 3.– ARAGON | 54 | 7'68 |
| 4.– BALEARES | 5 | 0'71 |
| 5.– CANARIAS | 22 | 3'13 |
| 6.– CASTILLA LA NUEVA | 84 | 11'93 |
| 7.– CASTILLA LA VIEJA | 16 | 2'27 |
| 8.– CATALUÑA | 226 | 32'10 |
| 9.– EXTREMADURA | 1 | 0'14 |
| 10.– GALICIA | 44 | 6'25 |
| 11.– LEON | 24 | 3'40 |
| 12.– MURCIA | 3 | 0'43 |
| 13.– NAVARRA | 2 | 0'29 |
| 14.– VALENCIA | 122 | 17'33 |
| 15.– VASCONGADAS | 43 | 6'11 |
| | 704 | 100'00 |

*Ĝi meditigas min. Ĉu la rezulto de tiu proporcio pri HEF–membraro reflektas, pli aŭ malpli reale, la veran esperantistiĝon de niaj regionoj? Eble jes, sed tamen mi estas konvinkita, ke ekzistas en ĉiuj regionoj multaj aliaj esperantistoj ne federaciĝintaj. Ni kune devas serĉi la kialojn kaj venki ilin. Se ni agas unuece kaj kun plena volo de kunlaboremo tute certe ni baldaŭ superos la milon.*

*Jen mia propono tiucele: Estus tre interese, ke en ĉiu urbo aŭ vilaĝo, kie ekzistas esperantistoj, iu ajn volonteca samideano fariĝu delegito de nia "Boletin", ĉiam interkonsente kun la tiea Grupo, se ĝi ekzistas, kaj jam de nun li enketu ĉiujn lokajn gesamideanojn ne apartenantajn al nia Federacio pri la kialoj de ilia apartiĝo. La enketitoj preferinde restu anonimaj, sed la kialojn ĉiu delegito informu al ni. Ili aldonu siajn sugestojn pri eblaj solvoj ĉar verŝajne, per analizado de ĉiuj proponitaj sugestoj, ni trovos la adekvatajn rimedojn al la diversaj kialoj. Viajn skribaĵojn sendu rekte al nia ĉefa redaktoro.*

*Se ni sukcesas kunordigi niajn fortojn kaj agi kolektive, sendube nia enlanda movado akiros pli altan prestiĝon je internacia nivelo, ĝis nun ankoraŭ ne atingitan.*

## *HISPANA KONGRESO*

*Antaŭ ĉi-tiu grava evento, ni devas ĉie ajn profiti la okazon pri publika diskonigado de nia ĉiujara Kongreso, ĉu per ĵurnalo ĉu per radio, eĉ per distribuo en komercaj montrofenestroj de la kongresa afiŝo. Ĝi dezirinde devus ĉiam pli kaj pli moderniĝi, ĉar la reklamaj teknikoj tion postulas, kaj tiucele oni devas mendi la servojn de profesia reklamdesegnisto, sed tio estas afero pritaktenda kun la Loka Organiza Komitato.*

*Ĉiuj Grupoj anoncu kaj insistu al siaj membroj ĉeesti niajn Kongresojn, ĉar nur tiam, unufoje en la jaro, renkontiĝas geesperantistoj de ĉiuj partoj de la lando por pritakti la kolektivajn problemojn. Cetere tio estas grava demonstracio por la neesperantista publiko.*

*En ĉiuj Kongresoj estiĝas la polemika demando, ĉu paroli kastilie en niaj kunvenoj, ĉar ja temas pri nacia Kongreso, aŭ prefere en Esperanto? Pri tio mi konsideras tre oportuna la reprodukton de tio, diritan de Zamenhof en la Solena Malfermo de la Konferenco de Ruslandaj Esperantistoj en S. Petersburg en la jaro 1910:*

*"Niaj Kongresoj, ne sole la Universalaj, sed ankaŭ la naciaj, havas antaŭ ĉio signifon instruan kaj edukan. Esperantistoj, disĵetitaj en diversaj urboj kaj urbetoj, kunvenas en pli au malpli granda amaso, por aŭdi nian lingvon, por kontroli, ĉu ili ĝuste ellernis la lingvon, ĉu ili bone ĝin komprenas, por kompari sian propran manieron de parolado kun la parolmaniero de pli spertaj esperantistoj. Kiam ili poste revenas hejmen, ili ne sole men parolas pli pure, sed ili alportas modelon de bona parolado al tiuj, kiuj restis hejme. Tiamaniere la kongresoj reguligas la uzadon de la lingvo, kaj dank'al niaj kongresoj jam nun oni parolas Esperanton perfekte egale, ne sole en la plej malproksimaj anguloj de ĉiu aparta regno, sed en ĉiuj plej malsamaj lokoj de la tuta tera globo".*

**Llibert Puig**

## RENKONTIĜO DE ESPERANTISTOJ ALICANTE – VALENCIA

La deksesan de majo renkontiĝis la samideanaro de Alicante kaj Valencia, laŭ kunsenta decido, en la marborda bela urbeto Cullera.

Preskaŭ cento da esperantistoj el Alicante, Benidorm, Callosa de Segura, Valencia, Burjasot, Cheste kaj Cullera, kuniĝis ĉirkaŭ la Sanktejo, kie oni celebris meson rememore de Pastro Jozefo López Gonzálbez, iama superulo de la franciskanaj monaĥejoj de Alcoy, Valencia kaj Cullera, eminenta poligloto kaj elstara esperantisto, forpasinta antaŭ preskaŭ du jaroj.

Poste, en la Aŭditorio havigata de la urbestraro, ĉiuj kuniĝis por komentarii la esperantajn okazintaĵojn de la jaro. Estis intersalutoj de la diversaj reprezentantoj de ambaŭ provincoj, kaj rimarkinda reprezentaro de la madrida junularo, gvidata de la vigla Aŭgusto Casquero.

Ne mankis, ankaŭ internacia elemento, ĉar du belgoj pravigis la forigon de la krokodilado.

Alikantanoj prezentis, kiel agadon: la sukcesojn ĉe la kursoj en Alicante, Callosa de Segura kaj Campello. La Valencianoj elstarigis la fakton de la plenumo de la dudekkvina jariĝo de la elsendoj de "Esperantista Mikrofono" de "La Voz de Levante", kaj la kursoj ĉe la grupejo kaj la Vegetarana Societp.

Kiel lastan parton de la programo, la lernantoj de S-ro Francisko Zaragoza, el Callosa de Segura, prezentis, facilparole kaj verve kelkajn dialogojn, kiuj multe plaĉis al la aŭdantaro.

Oni diskutis la decidon pri renkontiĝa urbo por venonta jaro: Alcoy? Calpe?

La madridanoj, kiuj multe ŝatis la renkontiĝan etoson, sugestis Cuenca, kiel mezvojan punkton ....... Oni decidos, post meditado.

La lasta kuniĝa fakto estis la komuna frata manĝado en tipa apudmara restoracio, kie regis senlima gajeco kaj unuanima opinio pri la kvalito de la "paella" (pato? =pilafo?).

La junularo, apudmare, rezistis al la disiĝo, planante, diskutante kaj pensante pri la estonta kongreso en El Ferrol.

Rememorinda estis la renkontiĝo en Cullera!

**Rafael Herrero**

## OFICIALA BULTENO DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO –N-ro 10

Inter la novaj akademianoj, elektitaj la 15–2–76, plezurigis nin rimarki, en "AKTOJ DE LA AKADEMIO–II, 1968–1974 "ke nia samideano kaj antŭa kunlaboranto de la Redakcio, s-ro Fernando de Diego de la Rosa, estis elektita akademiano, en la lasta renovigo de triono de la membroj de la Akademio de Esperanto. Gratulon al li.

La Redakcio

## MONDA TURISMO
## TURISMA SERVO DE TEJO

En la anoncita tempo ĝis 5–12–1975 ni recevis informojn pri 108 internaciaj Esperanto-aranĝoj. Post la dumonata atendado ĝis 15–02–1976 ni recevis 16 aldonajn informojn. Tial ni disponigas al vi informojn pri 124 internaciaj Esperanto-aranĝoj. Kompare kun la pasinta jaro, kiam ni havis informojn nur pri 44 Esperanto-aranĝoj, tio signifas grandan kreskon, sed konsiderante la fakton, ke ni ricevis informojn nur el 14 landoj, verŝajne la plej aktivaj en la turisma Esperanto-agado, tio certe ne estas kontentiga situacio.

Bedaŭrinde multaj Esperanto-organizantoj aŭ ne emas informi ĝustatempe, aŭ tro malfrue planas internaciajn Esperanto-aranĝojn.

Pro tio, jam ni alvokas ĉiujn sendi la informojn por Turisma Esperanto-Kalendaro 1977 nepre ĝis 10–11–1976. Espereble la venontjara Esperanto Kalendaro estos ankoraŭ pli kompleta.

En la jaro, el 124 internaciaj Esperanto-aranĝoj, 48 okazos en Pollando, 21 en Bulgario, 19 en Hungario, 13 en Ĉeĥoslovakio, 5 en Austrio, 4 en Francio, po 3 en Grekujo kaj Belgio, 2 en Hispanio kaj po 1 en: Brazilo, FRG, GDR, Jugoslavio, Nederlando kaj Svisujo.

* * *

Sendu la informojn al: Prezidanto de Monda Turismo
Andrzej Grzebowski
atr. M. C. Sklodowskiej 10/3
Pl–85–094 BYDGOSZCZ – POLLANDO

## HEF JUNULARA ESPERANTISTA RESTADEJO HEJS
## Camino del Pou s/n Monistrol de Montserrat
## (BARCELONO)

INVITAS VIN dum la somera periodo, julio-aŭgusto-septembro, ferii en J. E. R. en Monistrol ekde la 1-a de julio ĝis la 30-a de septembro. Specialaj kotizoj por grupoj kaj familioj. Tri dormoĉambroj kaj banejo estas je via dispono. Invidua kotizo 25 pesetoj tage Petu informojn kaj rezervadon de litoj: S. Aragay. str. Bassegoda 40–3–1ª. BARCELONO–14, telef. 333 80 81.

## CUENTA DE TE

**COBROS**

| | |
|---|---|
| Saldo en 1 de enero de 1.975 | 14.189'61 |
| Cuotas atrasadas | 3.290,— |
| Cuotas de 1975 | 98.393,— |
| Reembolsos (cuotas 1975 más gastos) | 66.876,— |
| Cuotas de Dumvivaj Membroj 1975 | 25.000,— |
| Cursos H. E. F. | 3.750,— |
| Donativos para Boletín 1975 | 10.429,— |
| Cuotas de 1976 (anticipadas) | 8.800,— |
| Donativos para Boletín 1976 (anticipados) | 1.025,— |
| Intereses Banco Español de Crédito | 86,10 |
| Intereses Banco de Santander | 18,— |
| Venta de Boletines | 1.022,— |
| Congreso de Lérida: derechos de exámen, etc. | 2.050,— |
| Entregado por el Libro-Servo de H. E. F. | 15.000,— |
| Donativo F. A. L. P. (506.442 – 341.892) | 164.550 — |
| | 414.478,71 |

## BALANCE DE SITUACION

| | | |
|---|---|---|
| **DISPONIBLE**<br>Caja y Banco | | 8.451,39 |
| **REALIZABLE**<br>Existencias de Libro-Servo | | 90.106,— |
| **MATERIAL CONSUMIBLE**<br>Tarjetas, cartas, sobres, sellos, etc. | | 6.250,— |
| **INMOVILIZADO** | | 734.736,— |
| Local en propiedad | 692.500,— | |
| Mobiliario adquirido | 8.160,— | |
| Mobiliario donado | 25.000,— | |
| Instalación eléctrica | 3.900,— | |
| Máquina de escribir | 4.016,— | |
| Fianza Unión Eléctrica | 1.160,— | |
| | | 839.543,39 |

**ANGEL FIGUEROLA AUQUE**
**Presidente de H. E. F.**

## – AÑO 1.975

### PAGOS

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría | | 11.914,50 |
| Tesorería | | 6.642,— |
| Material de propaganda de Eldona-Fako | | 8.809,— |
| Facturas Imprenta Boloix | | 136.994,— |
| Pagos pendientes en 1 enero 1.975 | | 31.107,60 |
| Material propaganda Eld-Fako | 7.573,— | |
| Factura Boloix (Boletín 11/12–1974) | 20.591,— | |
| Gastos remesa Boletín | 2.943,60 | |
| Gastos remesa Boletín, gratificación Director, Campaña de Navidad, etc. 1.975 | | 24.181,40 |
| Cuota de U. E. A. 1.975 | | 6.600,— |
| Gastos de local y oficina | | 24.282,— |
| Comunidad | 7.954,— | |
| Contribución | 6.742,— | |
| Teléfono | 4.073,— | |
| Luz | 2.063,— | |
| Portero | 1.200,— | |
| Limpieza Secretaría | 2.250,— | |
| Local de Secretaría | | 108.469,32 |
| 12 efectos de 7.775 pesetas | 93.300,— | |
| Hipoteca (dos semestres) | 15.169,32 | |
| Fundación Esperanto | | 13.431,50 |
| 5°/o de Cuenta de Resultados de 1972–3–4: | 11.785,— | |
| Poder Procuradores Tribunales | 1.646,50 | |
| Directorio de H. E. F. (Boloix y portes) | | 33.596,— |
| | | 406.027,32 |
| **SALDO A CUENTA NUEVA** | | 8.451,39 |
| | | 414.478,71 |

## E DICIEMBRE DE 1.975

| | | |
|---|---|---|
| **EXIGIBLE** | | 137.890,30 |
| 10 efectos a pagar compra local | 77.750,— | |
| Hipoteca del local | 60.140,30 | |
| **FUNCIONAMIENTO** | | 9.825,— |
| Cuotas de 1976 cobradas en 1975 | 8.800,— | |
| Donativos 1976 cobrados en 1975 | 1.025,— | |
| **PATRIMONIO DE H. E. F. EN 31 DICIEMBRE DE 1975** | | 691.828,09 |
| Saldo en 31–XII–1974 | 563.231,01 | |
| Excedente año 1975 | 128.597,08 | |
| | | 839.544,39 |

**GERARDO FLORES**
**Tesorero**

## CUENTA DE RESULTADOS – AÑO 1.975

### INGRESOS

| | | |
|---|---|---|
| Cuotas atrasadas | 3.290,— | |
| Cuotas de 1975 | 98.393,— | |
| Reembolsos (cuotas de 1975 más gastos) | 66.876,— | |
| Cuotas Dumvivaj Membroj 1975 | 25.000,— | |
| Cursos H. E. F. | 3.750,— | |
| Donativos para Boletín 1975 | 10.429,— | |
| Venta de boletines | 1.022,— | |
| Intereses del Banco Español de Crédito | 86,10 | |
| Intereses del Banco de Santander | 18,— | |
| Congreso de Lérida: derechos de examen, etc. | 2.050,— | |
| Beneficio del Libro-Servo de H. E. F. | 14.697,— | |
| Cuotas de 1975 (cobradas en 1974) | 10.630,— | |
| Donativos 1975 (cobrados en 1974) | 753,— | |
| Donativos para el F. A. L. P. | 164.550,— | |
| Suman los ingresos | | 401.544,10 |

### GASTOS

| | | | |
|---|---|---|---|
| Secretaría y Tesorería | | 18.156,50 | |
| Valor del material en 1–I–1975 | 5.850,— | | |
| Gastos y compras en 1975 | 18.556,50 | | |
| | 24.406,50 | | |
| Valor del material 31–XII–75 | 6.250,— | | |
| Consumido durante 1975 | 18.156,50 | | |
| Imprenta Boloix | | 136.994,— | |
| Gastos remesa Boletín, etc. | | 24.181,40 | |
| Cuota de U. E. A. 1975 | | 6.600,— | |
| Gastos local y oficina | | 24.282,— | |
| Intereses hipoteca del local | | 6.896,62 | |
| Material de propaganda de Eldona-Fako | | 8.809,— | |
| Fundación Esperanto: 5 °/o de 1972, 3, 4 y poder | | 13.431,50 | |
| Directorio de H. E. F. | | 33.596,— | |
| Suman los gastos | | | 272.947,02 |
| EXCEDENTE | | | 128.597,08 |

ANGEL FIGUEROLA AUQUE
Presidente de H. E. F.

GERARDO FLORES
Tesorero,

ELDONA FAKO

HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

ZARAGOZA

## RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE F. E. E. — 1975

| | | |
|---|---|---|
| Capital a amortizar en 31 de diciembre de 1974 | | 1.250,— |
| **GASTADO:** | | |
| En material, según nota presentada | 3.307,— | |
| Pago Instituto Nacional del Libro Español | 900,— | |
| Correo y transportes | 556,— | 4.763,— |
| | | 6.013,— |
| **INGRESOS:** | | |
| Por venta de material | | 12.344,— |

RESUMEN:

| | Pesetas |
|---|---|
| Ingresado | 12.344,— |
| Gastado | 6.013,— |
| Saldo a favor de S. E. | 6.331,— |

Zaragoza, a 31 de diciembre de 1975

Inés Gastón

---

Respecto de la Cuenta especial con motivo de la edición de "KUN SOPIRA KORO" que, como se indicó en el Boletín de marzo/abril de 1974, se pudo realizar gracias a una aportación extraordinaria que hay que ir reintegrando con la venta de ejemplares de dicha obra, quedan pendientes de pago en 31 de diciembre de 1975 treinta mil novecientas ochenta y ocho pesetas (30.988,—). Amortizada aquella aportación, los ejemplares restantes pasarán a engrosar las ventas de material de la Sección Editorial.

**LIBROSERVO**
**HISPANA ESPERANTO FEDERACIO**
**MADRID**

## RESUMEN DE CUENTAS DE LIBROSERVO DE H. E. F. – 1975

| | | |
|---|---|---|
| Libros vendidos en 1.975 | | 97.235,— |
| Valor compra de los mismos | | 74.929,— |
| | Beneficio bruto | 22.306,— |
| | Gastos diversos | 7.609,— |
| | BENEFICIO NETO | 14.697,— |

| | |
|---|---|
| Existencias en 1 de enero de 1.975 | 90.409,— |
| Beneficio neto de Libroservo en 1.975 | 14.697,— |
| | 105.106,— |
| Entregado a la Caja de la Federación | 15.000,— |
| EXISTENCIAS EN 31 DE DICIEMBRE DE 1.975 | 90.106,— |

Madrid, 31 – XII – 1975
Félix Gómez Martín
Vice-Presidente de H. E. F.
y Encargado de Libroservo

---

**DONATIVOS PARA EL BOLETIN**

| | |
|---|---|
| Suma anterior | 5.560,— |
| Jaime Perarnau Ribera | 600,– |
| Antonio Bohigas Ferrán | 225,– |
| | 6.385,— |

* * *

**SOCIOS PROTECTORES DE H. E. F. PARA 1976**

22.– Jaime Perarnau Ribera (1008)
23.– Joaquín López Herrero (2374)

**CUOTAS DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

**Dumviva Membro:**
**5.000 ptas. una sola vez**
**Socio Protector:**
**400 ptas. anuales**

**Socio Abonado:**
**250 ptas. anuales**

**Socio Numerario (sin derecho a recibir el Boletín de HEF):**
**100 ptas. anuales**

# OFERTO DE LIBROSERVO

*Mendu tuj el la ĉi subaj elektitaj titoloj, viajn dezideratajn librojn je la malnova prezo, al Libroservo H. E. F.*

*Atentu! nur oni povos plenumi la unuajn mendojn laŭ ordo de alveno.*

| | |
|---|---|
| *Compendio de Esperanto para adelantos.* 193 p. Daniel Quarello | 236 p-toj |
| *Curso completo de idioma internacional.* 164 p. 23 cm. R. Ontoria | 143 " |
| *¿Habla Vd. Esperanto?* 182 p. 18 cm. Ergoto | 158 " |
| *Lando de Alvar González, La.* 47 p. Machado | 50 " |
| *Ĵamborea lingvo.* 60 p. | 55 " |
| *Kompleta lernolibro de regula Esperanto.* 189 p. L. Mimó | 350 " |
| *Plena Ilustrita Vortaro.* 1336 p. 20 cm. | 2306 " |
| *Plena vortaro kun suplemento.* 570 p. 17 cm. | 350 " |
| *Privilegia vojo.* 132 p. 19 cm. Setäla | 126 " |
| *Amuzaj dialogoj en Esperanto.* 141 p. 22 cm. | 113 " |
| *Faraono, La* (Kabe). 3 volumoj entute. 961 p. | 477 " |
| *Freŝa mateno.* 281 p. 18,5 cm. | 130 " |
| *Filozofio de fantomo.* F. Flórez, 23 p. 17 cm. | 33 " |
| *Kanako el kananam.* 200 p. 11 cm. | 207 " |
| *Kredu min sinjorino.* 260 p. 19 cm. | 140 " |
| *Ĉies Fatimo.* 54 p. 16 cm. | 25 " |
| *Sankta Biblio, La.* 998 p. 18 cm. plaste bind. | 287 " |
| *Manlibro pri transporto de fluidaĵoj.* 251 p. | 450 " |
| *Oriento kaj Okcidento.* 50 p. 21 cm. | 20 " |
| *Cigana romancaro.* 110 p. G. Lorca | 140 " |
| *Kun sopira koro.* G. A. Bécquer. 93 p. 18 cm. | 150 " |
| *Soleco.* Víctor Catalá | 300 " |

## Diskoj kaj kasetoj

| | |
|---|---|
| *Ĵamborea lingvo.* 33 rpm. 18 cm Ø | 67 " |
| *Univox kurso* (kaseto) | 406 " |
| *Esperanto por infanoj* (Solomons) kaseto 90' | 349 " |
| *La parolarto* (I. Lapenna) *k. La fajfa lingvo de la Gomera* (Régulo Pérez). 90' kaseto | 349 " |
| *Festparolado de I. Lapenna en Madrido.* 60' kaseto | 233 " |

# SITUACION DEL FONDO PARA LA ADQUISICION DEL LOCAL EN PROPIEDAD (F. A. L. P.) AL DOS DE JULIO DE 1.976

**Ingresos**

| | | |
|---|---|---|
| Del Ministerio de Educación y Ciencia, para este fin ........ | 98.000,— | |
| Intereses Banco de Santander ........................... | 595,— | |
| Donativos recibidos y publicados en el Boletín ........... | 565,642,— | 664.237,— |

**Salidas**

| | | |
|---|---|---|
| Entrega inicial ...................................... | 100.000,— | |
| Timbre de las letras ................................. | 4.480,— | |
| Letra vencimiento 1 mayo 1973 ....................... | 35.000,— | |
| 56 letras mensuales de 7.775,— ...................... | 435.400,— | |
| Pagado a la Caja de Ahorros ......................... | 70.239,82 | 645.119,82 |

| | |
|---|---|
| **SALDO EN EL BANCO DE SANTANDER** | 19.117,18 |

Con gran satisfacción de la Junta Directiva de la Federación, ponemos en conocimiento de nuestros asociados que estamos a punto de rematar el proyecto de dotar a H. E. F. de un local en propiedad, idea que pudo parecer ilusoria a muchos de nuestros "gesamideanoj", pero que hoy vemos convertida —gracias a la generosa aportación de todos— en una realidad.

En efecto, de las cantidades mensuales pendientes de pago, sólo nos restan por satisfacer las correspondientes a los meses de Agosto a Noviembre del presente año; es decir, 4 letras de 7.775,—Ptas. cada una que son 31.100,—Pesetas, y en 25 de Diciembre el recibo de la hipoteca de la Caja de Ahorros por 7.548,—Ptas., lo que en total representa para el año 1976: 38.648,—Pts.

Como el saldo del FALP al día de hoy en el Banco de Santander es de Ptas. 19.117,18 quiere decir que no llegan a 20.000,— las pesetas que tenemos que aportar en los seis meses venideros.

A partir del año próximo, solo habrá que pagar cada 6 meses el recibo de la hipoteca (unas 7.500,—Ptas.), hasta el 25 de Junio de 1981 en que habrá quedado amortizado el préstamo y, por tanto, libre de pagos la Federación.

Con la natural satisfacción y agradecimiento a todos, os saluda,

G. FLORES

# Kalocsay plue vivos

La forpaso de Kolomano KALOCSAY sentigas al nia koro plej profundan doloron, meze de konsterno, ĉar ne plu restas inter ni, fizike, la eminentega poeto, la genia kaj senkompara tradukisto, la konscia gramatikisto. Lia morto, nun, rememorigas al ni eventajn datojn kaj titolojn per kiuj Esperanto riĉiĝis kaj ree kapablis pruvi kun pliiĝo —laŭ harmoniaj nuancoj kaj ĝustigaj originalaj aspektoj tre diversaj— tion kion jam antaŭaj historie fruaj esperantistoj komencis fari praktike, kiel li, sur la kampoj variaj de beletristiko kaj esperantologio.

De kiam en la jaro 1921-a publikiĝis lia primica "Mondo kaj koro" —originalaj poemoj—, ĝis kiam en 1970-a aperis la majstra traduko de la klasika verko de Ŝekspiro "La tempesto" kiel sekvo de "Reĝo Lear" kaj "Somermeznokta sonĝo", al la esperantligva Parnaso aldoniĝadis libroj gloregaj, kiujn prilaboris unu el la plej talentaj homoj de la Movado: sendube, la plej eminenta poeto kaj la tre karakteriza tradukisto kiu, apud Grabowski kaj Bein (Kabe), elstaras super ĉiuj aliaj.

Liaj lingvaj studoj kaj traserĉoj, tiel profundaj kaj konkretaj, helpis al fiksiĝo kaj al natura kaj nepra evoluiĝo de la Lingvo. Tiel, lia kunlaborado al "Plena gramatiko de Esperanto" estas vere transcenda kaj epokfara por ke naskiĝu tute nova konceptado stila, eltirita el la neelĉerpebla mino de la Fundamento.

En ĉiu verko lia, ĉu originala, ĉu traduka, li faris ke la Lingvo atingu novan —sed propran— riĉecon. Por ekzemplo, li kreis kaj enkondukis konsiderindan nombron da neologismoj. Sed li tion faris kun profunda konscio pri manko kaj bezono —pri nepriĝo—, elĉerpante nur tiujn kaj tiajn novajn vortojn posedantajn, ordinare, la plej noblan kaj specialan esprimkapablon kun karaktero nefremda al Esperanto.

Jen delikata lirika poeto kiu ĉiam traserĉis spontaneajn sentimentojn kaj emociojn. Li, lingva juvelisto, neniam cedis al facila anekdoto aŭ banalo, ĉar li ĉiam celis al Poezio: al grava, artisme meditiga kreado literatura, masive valora en la plej absoluta senco kaj esenco. "Streĉita kordo" estas poemkolekto nevelkebla kiu parolas per si men, kaj kiu honorigus estas poemkolekto nevelkebla kiu parolas per si mem, kaj kiu honorigus kiun ajn nacian literaturon kiel modelo de perfekteco formala kaj kreipovo senlima.

Dekoj kaj dekoj da originalaj kaj tradukaj versaĵoj liaj puncas en la paĝoj, tra la jaroj, de sennombraj revuoj, inter aliaj "Literatura mondo" kaj "Hungara vivo". Bone estus kolekti tiujn disajn verketojn, por tiel inde publikigi ilin je honoro kaj omaĝo al lia nomo kaj por honorigi Esperanton.

Trajto vere genia estis, i. a. lia kapablo tradukista. Kiel diri, do, pri ĝi? Ŝajnas al mi ke ne estas grava risko en la diro ke li, pli ol simpla tradukisto, estis "rekreisto", laŭ la perfekta rezulto de liaj versioj, kiuj neniam perfidis la originalon, ĉar li kapablis redoni, eĉ foje pliigita, la plej aŭtentikan sencon de la koncernaj poemoj, kvankam ili estus profundaj aŭ esoteraj. Ho mirinda kaj neimitebla rekreado, kiel matura frukto de la manipulado virtuoza pri la zamenhofa ilo! Li kapablis alproprigi al si la ĝustan animstaton kaj vortajn intencojn de la aŭtoro; li sukcesis asimili ĉion perfekte, pasie, responsee. Tiam, lia poeta cerbo faris la miraklon: tiel, kiel faras sunradio fendante travideblan akvon ne vundante ĝin, sed ĝin irizante.

En nia lando, ni konstante kaj alsopireme memoras la katalunan Jaume Grau Casas, majstra kompilinto de la jam klasikiĝinta "Kataluna antologio" kaj de la "Hispana antologio" (nepublikigita). (K. K. ankaŭ entreprenis, preskaŭ persone, la volumon "Hungara antologio", kaj, plej laste, en kunlaboro kun Ada Csiszár "6000 frazeologiaj esprimoj hungaraj-esperantaj").

Nutempe ni fieras pri la virtuozeco de Fernando de Diego en tiu sama belliteratura fronto. Ni, do, havas sufiĉajn motivojn por ami, kaj speciale priatenti, la tradukarton.

Kiom da plezuro vekas, por ekzemplo, "Somermeznokta sonĝo"! Mi ofte relegas ĝin, ĉiam, kun kreskantaj ŝato kaj admiro, ĉar oni konstatas, nedubeble, la almenaŭ duoblan taskon de Kalocsay: tiun de universala poeto, kaj tiun alian de lingvisto prilaborante kaj rangiganta la ordinaran lingvon.

Ni ankaŭ povus paroli, au esei, rilate la tradukon "La floroj de l' malbono" jubilante tiel: jen la vera Baudelaire kiun ni antaŭe, ne sciante la francan, ne konis!.

Krom tio, li verkis multajn kaj plej diversajn artikolojn kaj eseojn. Ĉiu prozaĵo lia estas ora specimeno solidara al lia talento sindoma, lingva kaj kreipova, ĉar li ĉiam estis kiel oraĵisto plena je fantazio kaj realeco; li ĉiam kapablis eniri ĝis la kerno de la feroj, kaj ankaŭ defendi principojn kaj poziciojn konsekvencajn, ĉar li estis lingvisto konscianta ke ĉiu vivanta lingvo evoluas laŭ siaj propra spirito kaj potenco denaska. Tial, la lingvaĵo de K. K. neniam estis senanima matematikaĵo.

Mortis, do, vera geniulo, sincera kaj fidela homo, lumturo de la esperanta beletro.

Gabriel MORA i ARANA

---



## H. E. J. S. JUNULARA SEKCIO DE HISPANA ESPERANTO–FEDERACIO

**Sendu Kunlaboraĵojn por la HEJS-Bulteno rekte al Redaktoro Miguel Gutiérrez Adúriz. Floranes 57–2º C Santander Antaŭdankojn al ĉiuj junaj verkistoj.**

---

## JUNA AMIKO
**(Internacia Lerneja Esperanto-Revuo)**

**Hispana Peranto:**
**S-ro Adonis González**
**Ramón y Cajal, 36–3º–izqda.**
**GIJON (Asturias)**

## GRUPO "FIDO KAJ ESPERO" VALLADOLID

La pasintan 11-an de marto, je la 8-a vespere, en la sidejo de la Grupo "Fido kaj Espero" prelegis esperantlingve s-ro Luis Pelayo, estrarano de la Grupo kaj aktiva membro.

Sub la titolo "Esperanto, lingvo de paco", la preleganto pritraktis la problemon de la interkomprenigo de la homaro dum ĉiuj epokoj, farante dokumentitan studon pri la nacilingvoj kaj dialektoj.

Poste, li traktis la konsekvencojn asimili eksterlandan lingvon kun la sekvanta submetiĝo al fremda kulturo kaj la postaj konsekvencoj de la koloniismo.

Esperanto devas esti tiu ilo de kontraŭkoloniismo kaj de libereco estante ponto interbonvolaj homoj por konstrui al "la dialogo inter bonvolaj homoj por konstrui pacon sur la tero".

---

### EXAMENES DE ESPERANTO CELEBRADOS DURANTE EL CONGRESO DE LERIDA EL 22 DE JULIO 1975

**Relación de aprobados en los grados de:**

Kapabla esperantisto: D. Narcis Fluviá Figueras
D. Jesús Montagut Masip
D. Luis Hernández García

Esperantisto Instruisto: D. Narcis Fluviá Figueras
D. Jesús Montagut Masip
D. Luis Hernández García
D. Jaime Canoa González
D. Manuel López Hernández
Doña. Rafaela Urueña de Hernández

El Secretario del Tribunal
José Mª González Aboín

---

### VIIIª FRANCA–HISPANA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Kiel anoncite, la VIIIª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo okazis en Tarbes (Francujo), la 28-an/30-an majo 1976.

La beleco de tiu interesa urbo kaj la alloga programo sukcesigis ĝin.

La renkontiĝon organizis la Grupo ESPERANTO PAU–ADOUR kune kun HISPANA TURISMA ESPERANTA SEKCIO.

---

## NEKROLOGO

La 14-an de aprilo, en Calella, mortis s-ro Antonio Criach, unu el la plej konataj aktivuloj en Sabadell. Li multe instruis kaj helpis al la nacia kaj regiona movado.

# 61-a-UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

*Ateno-GREKUJO –31-a de julio –7-a de aŭgusto 1976*

---

*MINISTERIO SUBVENCIAS*

*La greka Ministerio de Civilizo asignis al la 61-a Universala Kongreso subvencion da 100.000 draĥmoj (ĉ. 8.000 guldenoj). Krom tiu financa apogo, la Kongreso ricevis valoran helpon en la formo de senpagaj kunvenejoj, reklamiloj k. s. de diversaj ŝtataj kaj urbaj instancoj.*

*REGIONA KUNLABORO*

*Pri la ĉeftemo de la Kongreso –"Internacia kunlaboro de ŝtatoj je regiona nivelo" (kun aparta atento al la lingva problemo)– traktos la Dua Ĝenerala Kunsido de UEA en vendredo, la 6-an de aŭgusto. Al tiu kunsido estos invititaj gastparolantoj, reprezentantoj de diversaj interŝtataj organizaĵoj. Tiel decidis la Estraro de UEA en sia aprila kunsido, kiam ĝi fiksis la detalan programon de la venonta UK.*

*LERNU ARGUMENTI!*

*Per la dua ĉeftemo de la Atena UK –"Kiel nuntempe argumenti por Esperanto"– la kongresanoj havos okazon lerni per vivaj ekzemploj la arton de efika pledado por la Internacia Lingvo. La formo de tiu diskuto estos plia novigo de la kongresprogramo. Kopenhago enkondukis unuafoje en la UK la ĉetablan diskutadon, kun multaj apartaj diskutrondoj. En Ateno okazos unuafoje podia diskutado, en kiu respondos al demandoj grupo de kompetentuloj sur la kampo de informado.*

# 61-a-UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

---

## *REKORDE AMPLEKSA ISU–PROGRAMO*

*Senprecedence riĉa estas la ĉi-jara programo de la Internacia Somera Universitato, kiun la Estraro de UEA definitive fiksis en sia aprila kunsido. En ĝia kadro okazos entute 12 prelegoj de 12 profesoroj el 11 landoj, pluraj unufojaj seminarioj por personoj aparte interesitaj pri la koncernaj fakoj, kaj aparta 6-hora seminario pri "Esperanto kaj Lingvistiko".*

*Prelegos: William Auld (Britujo) pri "Lingvo kaj kulturo"; Belka Beleva (Bulgarujo) pri "La teatra parolformo"; Werner Borman (FR Germanujo) pri "Entiriĝo de kulturpolitiko en nur ekonomian integriĝon"; Michel Duc Goninaz (Francujo) pri "La terminoj de alparolo kiel sociolingvistika problemo"; Helmar Frank (FR Germanujo) pri "Kibernetiko en instruado"; Sin' itirô Kawamura (Japanujo) pri "Originoj de la vivo"; Jonathan Pool (Usono) pri "Lingvo kaj identeco"; Baldaur Ragnarsson (Islando) pri "La pozicio de la islanda literaturo en la literaturo monda"; Miodrag Stojanoviĉ (Jugoslavio) pri "Grekaj popolaj kantoj en serba traduko"; C. Støp-Bowitz (Norvergujo) pri "Kial kelkfoje maraj moluskoj fariĝas venenaj"; István Szerdahelyi (Hungarujo) pri "Novaj elementoj en la problemaro 'signo-signifo' en la spegulo de konscie konstruita lingvo"; Alois Wenclewski (Zairo) pri "Ĝenerala superrigardo je la vitaminoj".*

*La superan seminarion "Esperanto kaj lingvistiko" gvidos d-ro John C. Wells, lekciisto pri fonetiko en la Universitato de Londono kaj membro de la Akademio de Esperanto. Kvar sesioj po 90 minutoj konsistos el 40-minuta enkonduko fare de la gvidanto kaj diskuto kun la partoprenantoj. La ĝenerala temo estos la diverseco kaj universaleco en la lingvoj de la mondo kaj la lingvaj kvalitoj de Esperanto en komparo kun aliaj lingvoj. Ĝi estos traktita el vidpunktoj morfologia, fonetika, sintaksa, leksika kaj semantika. La partopreno estos limigita, kaj interesiĝantoj estas petataj provizore anonci sin al la konstanta adreso de la UK, prefere per poŝtkarto.*




OMAĜO AL KALOCSAY

*La Internacia Arta Vespero en Ateno estos dediĉita al la granda Esperanta poeto, tradukisto, redaktoro kaj gramatikisto Kálmán Kalocsay, kiu forpasis en Budapeŝto la 27-an de februaro ĉi-jare. La aranĝon reĝisoros William Auld. Krom tiu pli solena programo ne mankos ankaŭ pli leĝeraj muzikaj aŭ distraj aranĝoj.*

Imprime: Gráficas F. González
Depósito Legal: Z-375-1.963